# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**
NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

12/08/2012 Sesdekoka Eldono 2012 12/08/2012 SENDITA

Tiu ĉi letero havas "hiperligilojn" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Provlegita de Nicole Else
La informa kaj noma paĝoj nur aperos en la dekaj eldonoj

Esperanto is the language equivalent to the metric system

Sendu vian novaĵon al 200 Aŭstraliaj Esperantistoj per la novaĵletero

## AE bezonas vian novaĵon .......

## GRAVAJ DATOJ

(se estas eraro, informu min. rspring@tpg.com.au)



La AEA-jarkongreso okazos en Brisbane 28 septembro ĝis 1 oktobro 2012,

La AEA-somerkursaro en Sidnejo estos 11 ĝis 28 januaro 2013. ?

## KLUBNOVAĴO





### Centra Marbordo.

Joanne Cho skribis, ke 6 personoj ĉeestis la "meetup" de la 11a de aŭgusto.
Niaj Klubanoj estas tre dankemaj al Jonathan kiu prezentis pri sia unua sperto de UK kiu ĵus okazis en Hanojo, Vjetnamio. Ni ĝuis lian prezenton kaj Esperantan kart-ludon kiun li alportis. Hodiaŭ ĉeestis Debbi, Julie, Amy, Jonathan, Alan kaj Ĝo. Gerry kaj Mark sendas pardonpeton, ĉar ili estas en Kvinslando kaj Viktorio. Ni esperas vidi vin ĉiujn en venonta kunveno.



## LETERO DE VERA PAYNE

WOW! Ne nur multe da novaĵoj en #67, sed multe kaj multajn por gratuli, inkluzive de AE ankoraŭ foje.
Kaj la fakto, ke ni ne devas voĉdoni por la nova estraro de AEA, ĉar jam estas fait accompli estas la sukeraĵo sur la kuko!
De Kvinslando kaj Sidnejo al Ozianoj en Hanojo, tre sincerajn gratulojn.
Bonega, Vera



Tre bona filmeto pri Esperanto-renkontiĝo en Eŭropo.
http://www.youtube.com/watch?v=AGLvYxGFiA0 Nicole sendis

Jen filmeto en Esperanto pri Islando kie okazos la Universala Kongreso venontjare.
http://www.youtube.com/watch?v=9-uTbbK0rdE **UK 2013** Amike, Nicole

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

# Membership Receipts AEA

An AEA receipt has been emailed for all AEA membership payments received by 31 July. If there are any queries, please forward them to Suzanne, financoj@esperanto.org.au or Crystal, servoj@esperanto.org.au.
Thanks, Suzanne. (ricevita nur en la angla lingvo)

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

### UK EN HANOJO



Jen Sandor kun ge-Bishop kaj ge-Steele




kuraĝa baldaŭa prezidanto de AEA sur motorbiciklo.

# LA NOVA ESTRARO 2012-2014

| | | |
|---|---|---|
| Sandor Horvath | Prezidanto | vidu AE50, 57 |
| Gordon Coleman | Edukado | vidu AE50, 51 54 55 57 59 |
| Indrani Beharry-Lall | Financoj | vidu AE50, 57 |
| Kam Lee | Administrado | vidu AE50 |
| Heather Heldzingen | Servoj | vidu AE59 |
| Margaret Chaldecott | Promotion | vidu AE61 |
| Max Wearing | Implementation | vidu AE65 |

**Ĉar estas nur unu kandidato por ĉiu posteno, voĉdonado ne necesas**

AEA total assets 30 Jun 05 **$321,877.35c**
AEA total assets 30 Jun 12 $???,???.??c
Ĉu iu povas sendi informojn pri 2011 aŭ 2012 al ni?



Detalaj Informoj pri la **nuna situacio** de The Strategic Plan 2008" "Apprenticeship Language Learning" "Membership", Financoj, ktp
donos bazon por juĝi la agojn de la venonta estraro.
**De kie venos detalaj raportoj?**




## "Konkurso per mallongaj filmoj.pdf

Bonvole internacie distribuu la algluitan PDF-dokumenton "Konkurso per mallongaj filmoj.pdf".
Tiu filmkonkurso estas por filmoj de maksimuma daŭreco de kvin minutoj. Ĉiu povas partopreni, de komencanto ĝis absoluta profesiulo.
La prezento de la plej bonaj filmoj kaj la transdonado de la premioj (entute 5000 EUR) okazos la 15an de Decembro 2012 en Berlino.

La filmkonkurso estas kontribo de la Germana Esperanto-Asocio por festi 125 jarojn de Esperanto. Bonvolu helpu nin subteni tiun gravan datrevenon:

o Mi petas vin distribui la PDF al ĉiu de viaj Esperanto-amikoj. Ju pli multe des pli bone. Bv. peti viajn amikojn redistribui la dokumenton.

o Eble vi ankaŭ povus aranĝi publikadon en gazetoj aŭ interretaj forumoj.

o Mi ankaŭ serĉas voluntulojn, kiuj tradukas la dokumenton al siaj lingvoj kaj sendas ĝin al filmistoj aŭ filmakademioj en sia lando. Jam ekzistas germanlingva traduko .

Min dankas vin por via subteno

Rainer Kurz
Organizanto de la filmkonkurso

## Vortoj de "Lernu"

EMOCII
Forte tuŝi, movi la animon:
Emocii iun ĝis larmoj.
Ĉiuj estis emociitaj.
Li akceptis la novaĵon senemocie.
Ŝi ploras pro emocia rakonto.
Li parolis emocie.
Tro fortaj emocioj.
Ŝi ege emociiĝis.

ASERTI
Firme esprimi sian opinion, ke io estas vera; certigi, pretendi, ĵuri:
Ĉiuj atestantoj asertis tion.
Ŝi asertas male.
Tio estas senbaza aserto.
Li asertas, ke tio vere okazis.
Liaj asertoj ne konvinkis min.

SUSPIRI
Esprimi sian bedaŭron, ĉagrenon, doloron de neplenumata deziro, per forta longa elspiro, akompanata de plenda tono:
Ho ve, mi tiom malsukcesis pri la ekzameno, - suspiris la knabino.
Kie li estas...? - ŝi diris al si suspirante.
La suspirantaj infanoj dormis profunde.
Kun suspiro li skribis, "Mi ege vin atendas...".